# Konstru-Forumo 24

Septembro 2010

Jan Werner ...@...

## Enkonduke al la 24-a numero

En la 22-a kaj 23-a n-roj de KF mi invitis vin al la prikonsidero de niaj labormetodo kaj celoj, nominte la temon **strategio**. Temis precipe pri la strategio de nia forumo, sed fone ankaŭ pri la strategio en la ĝenerala faka disvolvo de Esperanto.

La temo estas komplika, tial ankaŭ malfacile analizebla al unuopaj konkretaj trajtoj de la afero (nur Fabien sukcesis trakti la temon en tiu senco). Jam post la publikigo de la fragmento el la sociologia artikolo *Ĉu nova Esperanto-movado? Kial, kiam?* (en la revuo SPEGULO, somero 2009) pluraj el vi esprimis vian skeptikan opinion koncerne al kvalita „renesanco" de la movado. La saman juĝon oni povas esprimi pri la stato de specialaj fakaj lingvoj kadre de Esperanto. (Speciala lingvo – termino 3.1.1 laŭ la normo ISO 1087-1:2000). Ankaŭ en nia forumo (KF) sin iom reflektas „malpotenco" de la movado.

Nia areto disvolvas la lingvon de konstruistoj, arĥitektoj kaj de parencaj sciencistoj kaj metiistoj, sed ni estas nur kelkaj, sen rekta kontakto al la lingvaj sferoj angla (usona kunlaborinto eksilentis), germana (germana kunlaborinto mortis), hispana, itala, ĉina ktp. La movado kontentas pri sia „turisma" laika agado. Ofte niaj programitaj diskutoj sinkas al nivelo supraĵa. Estas dezirinde, ke KF-anoj studu esperantologion (teorion de la lingvo) kaj terminologiajn principojn. Sur la paĝoj de *Konstru-Forumo* tiutemaj okazaj instigoj ne mankas, troviĝas ankaŭ en tiu ĉi numero.

La kunlaboranta organizo TAKE sin montras programe tro modesta, sterila, kvankam kun bombasta nomo (Tutmonda…). Kiom da membroj ĝi havas kaj en kiuj landoj? Neniam mi tion aŭdis aŭ legis. Mi ne volas kritiki, mi konstatas (nia plej aktiva KF-ano estas ja vicprezidanto de TAKE). Per la konstato mi deziras veki konsciiĝon pri la stato kaj bezono, kaj ekiron laŭ la ĝusta altkvalita itinero.

Proksimiĝas la jarfino 2010, mia aĝo baldaŭ atingos 78 jarojn. Mi havas antaŭ mi plurajn individuajn taskojn. La taskon kunordigi (gvidi) Konstru-Forumon povas transpreni iu alia el la kolektivo. Pripensu vian rolon. Mi deklaras, ke mi komplezas „gvidi" KF maksimume ĝis la fino de la jaro 2012. Se neniu aliĝos ĉe mi kiel sekvonto, KF fine de 2012 malaperos. En tiu afero, spite la situacion, mi volas esti optimisto. WE

## Kontaktoj

**Uwe Stecher** el Vieno – Aŭstrio – skribis al ni: „Koran dankon pro Via mesaĝo kaj la KF. La enhavo tre interesas min, sed mi bedaŭras, ke mi nuntempe havas nenian tempon por kunlabori (tamen mi devas diri, ke mi tre ofte pripensas eblojn, ideojn por kunverkado, kion mi povus skribi, kio estus interesa por internaciaj fakuloj). Do, mi petas pri mia envicigo en Vian liston. Koran dankon kaj ĉion bonan!"

**Hannes Larsson** (FR), ricevinte KF 23, skribis pri si: „Mi estas inĝeniero en kalkulo de strukturoj kaj laboris en la kampo de klasikaj ŝtalaj konstruaĵoj, sed ankaŭ en du kampoj de pinta teĥnologio: spaco (satelitoj, lanĉiloj) kaj kernreaktoroj… Mia tempo estas bedaŭrinde tre limigita pro multaj aliaj projektoj. Sed via valora laboro min tre interesas. Eble vi povus envicigi min kiel leganton, kiu povus de tempo al tempo komenti iun detalon." S-ro Larsson jam kontaktis nian membron Rémy Bouchet. Ni ĝoje akceptas la promeson legi kaj event. komenti nian *Konstru-Forumon*.

**Cziboly Jozsef** (HU) informis nin: „Interesas min la dokumento KF, mi ŝatus aparteni al la konstantaj legantoj, uzu mian retadreson…" WE: Dankon, kara kolego, mi regule sendados la periodaĵon KF kaj esperas, ke vi partoprenos en niaj diskutoj, almenaŭ parte.

**Horváth József** (HU) informis: „Aldone mi informas, ke la Duden-tabuloj pri konstruado n-ro 271-276 esras en mia kompetenco, krome la tabuloj 44-46 kaj 152-155 (arto) estas en kompetenco de Petro de Smedt. Ili respegulas la aktualan staton de prilaboro. Mi petas vin konsideri ĉi tiujn ĉe via reviziado." WE: Dankon por la konfido! Sed la reviziado procedos relative longe.

Krome s-ro Horváth komentis la temon 35 (traktota en la koncerna rubriko) kaj prezentis novan terminologian temon, kiun mi envicigos kiel novan temon n-ro 36 (fluato).

**Pierre Grollemund** (FR) julie 2010 alparolis min sincere, jen la fragmento: „De tri monatoj mi estas emeritulo, do logike mi devus havi pli da tempo disponebla por diversaj taskoj en Esperanto, precipe por la Jarkolekto 2010. Sed mi ankoraŭ ne trovis ĝustan temon, kiun mi povus prezenti. Krome, ĝis junio mi estis tre okupata per la regiona kongreso, kiun nia teamo de Saint-Etienne organizis. Kaj, pardonu al mi, eksciinte, ke ĉi-jare estas vi, kiu redaktas, mia unua sentimento estis negativa: ne estante mem-vipema, mi tute ne deziras, ke plian fojon oni taksu mian tekston malbona, mallogika, sen strukturo ktp., kiel vi faris plurfoje.

Komprenu bone: tio ne estas persona atako… Mi estas tre konscia, ke miaj tekstoj ne estas perfektaj. Pro tio mi volunte akceptas **konsilojn**… Estas malfacile labori kun la perspektivo de aĉa kritiko! Mi ĵus vidis, ke iu Cyrille Hurstel… Se vi ne estus skribinta „bedaŭrinda amatoro“, li ne ĉagrenus! Same por mi en miaj antaŭaj provoj! Ĉu vi povas kompreni tion? – **WE**: Mi dankas por la sinceraj vortoj! Sed estas necese distingi inter kritiko kaj vera konstato de io nesufiĉa. Mia konstato celis plibonigon. Se oni prisilentas nebonan valoron de iu afero, produkto, ofte oni eĉ laŭdas ĝin, ĝuste tiu konduto estas mistifikado kaj konservado de la malbonkvalita nivelo. Mi ĉiam esprimas min nete laŭ mia laŭeble objektiva taksado, nepre ne akre kritike. – Pierre, vi malbone legis mian taksadon de la traduko far C. Hurstel, mi klare diris, ke ne li, sed lia traduko kaj lia reviziada laboro estas „bedaŭrinda amatorismo“ – refoje legu mian pritrakton de lia afero en KF 22, paĝoj 129-130. Vastigi tradukon, kies lingva nivelo respondas apenaŭ al elementa kurso, estas honto por la tradukinto kaj ankaŭ por nia komunumo, kiu deklaras Esperanton maksimume facila kaj la movadon kultura.

**Fabien van Mook** kontribuis la rubrikon *Ni solvas termin-vakaĵojn*, provizore per listo de terminaj malfacilaĵoj, kiujn li renkontis verkante la artikolon por la ĉi jara Jarkolekto de TAKE. Alian fojon li enkondukos ilin. Sed mi opinias utila la publikigon de la listo, ĉar vi povas prikonsideri ilin jam anticipe kaj komuniki al mi vian opinion nun, estante ne ŝarĝita per ies argumentoj. Jen la listo:

| | |
|---|---|
| Alta aŭ granda temperaturo? | Gipskartona tabulo (*gypsum plasterboard*)? |
| Temperaturo grandiĝas/altiĝas du gradojn, aŭ kun du gradoj, aŭ pri du gradoj? | Ekzakteco = ĝusteco (distanco al ĝusta valoro) + precizeco (distancoj inter mezuraj valoroj)? |
| Diko 2 mm, aŭ diko de 2 mm? | Hejti, malhejti? |
| Fandotemperaturo, aŭ fandiĝa temperaturo, aŭ fanda temperaturo? | Ventolilo aŭ ventilatoro? |
| Fandovarmo aŭ fanda entalpia ŝanĝo? | Minerala lano aŭ minerala fibraĵo? |
| Mantelo? (WE: Komprenu mantelo de domkonstruaĵo.) | „Inslingeren“ kaj la efiko de la komencaj valoroj? |
| Penda plafono? | Efika aŭ operativa ena temperaturo? |

**KAEST** – Konferenco pri Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko ĉi-jare okazos en la tagoj 18-21a de novembro en Slovakia urbeto MODRA. Informiĝu en www.ikso.net/kaest.

## Jarkolektoj de TAKE: 2010, 2011

La jarkolekto 2010 jam estas en presejo. La pretigon prizorgas la eldonejo KAVA-PECH de Petro Chrdle en Ĉeĥio. El nia forumo kontribuis artikolon Rémy Bouchet, Fabien van Mook, Đorđe Obradović kaj Jan Werner. La laste nomita sukcesis kompili ampleksan supervidon de la ĝis nun en KF traktitaj terminologiaj problemoj. Ekzempleron de la kolekto ricevos ĉiuj aŭtoroj kaj membroj de TAKE.

La kolego Fabien, vicprezidanto de TAKE, invitas vin aliĝi por la redakto de la **Jarkolekto de TAKE 2011** – bonvolu jam nun informi rekte lin, ĉu vi pretas la kolekton redakti kaj kontribui per artikolo: ...@.... En la kazo, ke neniu aliĝos, li komplezos transpreni la redaktorecon duafoje. Koran dankon al li pro la bonvolo sekvi la aferon.

## Du alvokoj: 1-e kontrolo de PIV, 2-e kontrolo de la manlibro pri ladista metio

**PIV**: Estas dezirinde, ke ni kontrolu la ĝustecon de ĉiuj fakaj vortoj indikitaj per vinjeto ĉu ARKITEKTURO, ĉu KONSTRUTEKNIKO. Ni dividu la amplekson de PIV laŭ literoj. Bonvolu min informi pri literoj, kiujn vi bonvolas inspekti kaj niafake kontroli – la terminojn kaj la difinojn.

**Ladista manlibro**. Mi finis la kompiladon de verketo pri ladista metio. Antaŭ ol multobligi ĝin, mi petas vin legi la verkon kaj atentigi min pri trovitaj korektindaĵoj lingvaj kaj fakaj.

## Pri la determina adjektivo vadoza [akvo] – (lige al la traktita terminaro de Blázquez)

La komence triviala nomuma tasko kreskis al dimensio vasta, plurkoncepta. Mi petas vian pardonon, mi utiligos la problem-nodon por detale prezenti mian koncepton kiel etan terminologian lecionon:

**Fabien van Mook** informis min: Mi akceptas nur «vadoz/» kiel unuopa radiko kaj forte kontraŭas la analizon «vad/oz/» en du radikoj, kiun vi ŝajnas fari. Mi ne konsentas pri via rimarko, ke «oz» „neniukaze estas parto de iu radiko“… kaj referencas al la kritikoj de Marc Bavant en la paĝoj 21 ĝis 23 kaj al la notoj 16 ĝis 18 en *Matematika vortaro kaj oklingva leksikono* (KAVA-PECH, 2003).

**József Horváth** ankaŭ komentis la aferon: Via etimologia rezonado estas interesa, sed neniel utila, ni devas trakti la nociojn sinkrone kaj diakroneco eble helpas kompreni, sed neniel pravigas… Via argumento, ke estas nocia rilato inter vadoza (vadosimila) kaj akvo, estas por mi tute nekomprenebla (vadi rilatas al super la grundo kaj vadosa akvo estas subsurfaca). Se akcepti neologismon, mi prenus vadosa (por elimini falsajn analizojn), sed laŭ mi pli taŭgus la transpreno de la nocie tre proksima medicina termino infiltriĝi, do infiltriĝa akvo. La naciaj solvoj en kelkaj lingvoj konataj de ni ne gravas, Esperanto havas sian propran logikon kaj sistemon.

Mi (WE) devas reagi, ĉar la komentoj de ambaŭ personoj misvojas, konfliktas unue kun la realo, due kun la terminologiaj principoj:

a) Fabien rajtas „forte kontraŭstari“ la montritan etimologion de la vorto «vadoza», rajtas ĝin konsideri radikvorto, sed refuti la genezon de tiu vorto li ne scipovas, ĝi ja estas nerefutebla realo.
b) Fabien eraras, ke mi trovas «vadoz/» duradika vorto, deriviloj (afiksoj) ne estas radikoj! Diference de ili afiksoidoj povas esti radikoj.
c) Persono, kiu en «vadoza» vidas la latindevenan derivilon -os, rajtas la sufiksoidon -oz nekonsideri parto de la radiko vadoz/. PAG en § 322 pri sufiksoidoj diras: „Oni povas diri, ke la sufiksoidoj estas radikoj…“ Kompreneble, **praktika simpligo** de la lingvoevolua problemo ofte kondukas onin, cetere ankaŭ min, trakti la vorton kiel radikan: vadoz/a. Sed estas utile la genezon konscii.
d) Fabien mian etimologian sondon pri „vad/os“ komparis kun „fac/il“ aldonante, ke tiu „ne rilatas al ilo aŭ faco“. Ĉu tiun leĝeran rimarkigon kompreni kiel spritan replikon al la vortludoj de Raymond Schwartz (majoro – maj-oro; literaturo – litera turo k.a.)? Eble li ne konscias, ke ekzistas multaj vortoj kun internaciaj sufiksoj, kiujn esperantistoj ne analizas, sed spite tion ili reale ekzistas. Ekzemple: social/a = soci/al/a; serial/o = seri/al/o. Elektu ĉiu mem. Sed kompari la problemon kun ekzemple: banal/a kaj ban/al/a ne estas serioza alpaŝo.
e) Pri la referenco al M. Bavant: Mi trovas la tekston tro subjektiva kaj problema, nekonforma kun mia koncepto pri traktado de internaciaj vortelementoj en Esperanto. Mian rezonan tekston legu fine de tiu ĉi numero de *Konstru-Forumo* (*Rezone al la refererncitaj principoj de la akademiano Bavant*), p. 158-9.
f) Horváth J. malakceptas etimologian analizon, kiu laŭ lia diro estas „neniel utila“. Tiu opinio estas grave neprofesia, en la elekta procedo de ĉiu nova termino ĝi estas nepreterlasebla paŝo. Diakroneco mem estas nesufiĉa kriterio.
g) Horváth J. informis min, ke „nocia rilato inter „vadoza“ kaj „akvo“ estas por li tute nekomprenebla“. Li tiel agnoskas, ke li ne komprenas la kernon de la afero. La adjektivo vadoza ja determinas la akvon, ilia nocia rilato estas esence **strikte** ligita, devas esti ligita.
h) Laŭ li „vadoza akvo estas subsurfaca“. Jes, sed vadoza akvo havas alian signifon ol subsurfaca akvo (en hidrologio estas pluraj specoj de subsurfaca akvo). Por kompreni la diferencon estas grava ĝuste la etimologia spuro. La latina adjektivo *vadosus* signifas ankaŭ „malprofunda“. La vadoza akvo ne estas kiu ajn subsurfaca akvo, sed nur tiu, kiu estas proksime al tereno, malprofunda akvo de atmosfera deveno.
i) Horváth J. indikas la analizon „falsa“. Kio do estas falsa?
j) Blázquez proponis «enfiltra akvo», Horváth preferas «infiltriĝa akvo». Se oni irus tiun ĉi vojon kaj elektus la verban radikon „filtr“, por determini la spontanan naturan proceson sufiĉus uzi la radikon sen la medialvoĉa derivilo -iĝ. Ĉar la formo de la termino estus neinternacia, ankaŭ la prefikse aplikata prepozicio devus esti prefere aŭtonomia (neinternacia) en-: «enfiltra». La versio «infiltriĝa», laŭ la medicinista modelo, estas nesistema (hibrida). Sed mi nepre preferas la formon internacian, kiu estas propra kaj pli-malpli deviga por lingvo internacia: *vadoza*.
k) En la lasta frazo de Horváth J. (vidu supre) ni legis, ke solvoj en naciaj linvoj „ne gravas, Esperanto havas sian propran logikon kaj sistemon“. Unue, ĉu „esperanta logiko“ estas difinebla fenomeno? Imagebla estas logiko de konkreta esperantisto, sed tiaj „logikoj“ abundas. Jes, Esperanto havas sian sistemon, sian teorion, kiu estis formulita de René de Saussure proksimume antaŭ cent jaroj kaj letere al la aŭtoro aprobita rekte de L. L. Zamenhof. Esperantistoj ĝin scias nesufiĉe, pluraj ĝin rifuzas ankoraŭ nuntempe, inkluzive de pluraj akademianj, kvankam ĝi estas elstare logika.
l) Mi atentigas, ke la teoria bazo de Esperanto (sistemo) neniel onin gvidas al subtaksado de la naciaj lingvoj en terminologia evoluigo de Esperanto. Ĝuste male! La sciencoj kaj teĥnikoj ĝenerale estas internaciaj, oni ĉie strebas, konforme laŭ la normoj de ISO, harmoniigi faklingvojn tutmonde, internaciigi ilin ene de la naciaj lingvoj. Kaj jen, pluraj esperantistoj (inter ili ankaŭ Horváth), adeptoj de la fenomeno „lingvo internacia“, starigas muron inter internacia fakula komunumo kaj esperantista movado. Tion mi spertas ofte, iam ankaŭ KF-anoj tendencas al „aŭtonomiaj nomoj“ (pure esperantaj derivaĵoj), kiuj forpuŝas ekstermovadajn fakulojn kaj kompromitas la movadon en seriozaj profesiaj societoj.

Tiom mia koncepto, bazita sur miaj longjaraj spertoj. En tiu direkto mi akiris multon kunlaborinte ankaŭ kun iama ĝenerala sekretario de ISAE kaj redaktoro de *Scienca Revuo*, Josef Kavka en Prago. Li estas unu el la plej kleraj nuntempaj esperantologoj. El lia lasta verko *Homonimoj en Esperanto, konsiderataj nomenklature kaj terminologie* (*Scienca Revuo*, 2009, n-ro 1) mi citas:

La kondamninda klopodo, ĉiuokaze evitadi homonimecon en Esperanto, kaŭzas nepardoneblan perturbon en la internacie establitaj sistemoj de nomenklaturo kaj terminologio, ĉu biologia, geografia, ĥemia, medicina, mineralogia, petrologia, ĉu aliscienca. Tia malkohera perturbado estus tragedia por Esperanto, kiu ambicias modele funkcii kiel internacia planlingvo. Super NPIV, la normalaj esperantistoj prave fieru, tamen la profesiuloj pro ĝia scienca leksiko pli eble ploru… (Li, klasika erudiciulo, centojn da bedaŭrindaj „laikaj“ perturboj li montras kaj montris ankaŭ en pli fruaj verkoj).

## Formoj de kompleksa termino

Kio estas kompleksa termino? En la verko *Terminologiaj konsideroj* (KAVA-PECH, 2004), p. 164, artikolo 5.05: kompleksa termono – termino (5.03) konsistanta el du aŭ pli da radikoj (5.12), kun aŭ sen aliaj konsistigaj elementoj (afiksoj, afiksoidoj, finaĵoj); NOTO: Kompleksa termino en Esperanto estas kunmetita vorto (5.17) kaj vortgrupo (5.08).

En *Tereminologia kurso*, p. 52-54 la aŭtoro (WE) i.a. eksplikis: La praktiko de verkanto, de tradukanto kaj de terminologo ofte venigas onin al banala problemo, kiam oni devas elekti inter tri eblaj formoj de kompleksa termino: a) prepozitiva formo, b) adjektivepiteta formo, c) formo de kunmetaĵo…

Mi estas konvinkita, ke la afero de tute libera laŭgusta formado de kompleksaj terminoj en la scienca kaj teĥnika lingvostilo ne estas allasebla. La terminoj tie devas esti maksimume precizaj kaj klaraj. Ilia konstruo devas procedi laŭ principo, ne laŭ persona gusto. Pri la afero ni konsultu unue ĉe René de Saussue. Pri la kunmetaĵoj ni ekscias, ke „…en konstruon de molekulo plurradika oni ne devas esprimi detale ĉiujn partojn de la ideo, kiun oni deziras elvoki; sufiĉas esprimi la **karakterizan atributon**, per kiu la objekto diferencas de aliaj similaj objektoj.“ Plue ni povas legi, ke „en vortoj plurradikaj la ligo inter la radikoj estas tre elasta; oni tamen povas difini ĝin per la ĝenerala ideo «karakterizata per».“

**Prepozitiva formo** estas plej preciza. Krom la elastsenca prepozicio DE estas uzeblaj: por, per, pri, el k.a. Sed la deriva produktiveco de tiu formo estas limigita.

**Adjektivepiteta formo** estas uzebla en la okazoj de la analizo R, ĉar la finaĵo *-a* esprimas ne nur la kvaliton, sed post substantivaj radikoj ĝi signifas ankaŭ *-rilata* kaj *-apartena*. Ekz. *kotona industrio* estas kotonrilata industrio, *kapitana seĝo* estas kapitanapartena seĝo. La produktiveco de tiu formo estas iom pli bona ol ĉe la prepozitiva formo.

La **formo de kunmetaĵo**, el la variantoj de kompleksaj terminoj, estas plej facile derive produktiva. Sed la precizeco tiom bezona en la faka lingvostilo iom postrestas. La kunmetitaj vortoj estas konsiderinde elastsencaj. Ekz. paperkorbo, ĉu korbo el papero aŭ por papero; trenŝipo, ĉu trenata (trenebla) aŭ trenanta ŝipo; lignoŝraŭbo, ĉu el ligno aŭ por ligno. La ĝustan signifon povas determini la kunteksto, sed tio ne estas sufiĉa, pli fidinda estas konvencio, sed kiel ĝin atingi kaj konfirmi en la nuna stato de la movado?

Kompare kun la formoj prepozitiva kaj adjektivepiteta la kunmetita formo havas pli grandan ŝancon fariĝi permanenta termino. Tendenco al objektiva terminiĝo multe dependas de intenseco de la ligo inter la vortoj aŭ radikoj en kompleksa termino. La praktiko kaŭzas premon al unuvortigo de la malplej strikte ligitaj prepozitivaj vortgrupoj, trans epitetaj vortgrupoj, al kunmetitaj vortoj kaj **fine al radikvortoj aŭ ties derivaĵoj… –** Resume: Unuradikaj nomoj estas en la praktiko preferataj.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 30 – kanalizacio**. Pri la kompletigo de la temo flanke de Đ. Obradović esprimis sin Claude Longue-Épée: „La menciitaj difinoj ŝajnas al mi kompletaj kaj taŭgaj… miavidpunkte ili necesas por difini la kanalojn, recipientojn, lagunojn ktp., kiujn mi uzis en la praktiko de sukerfarado, lavo de betoj, forigo de poluitaj elfluaĵoj ktp.“ – F. van Mook scivolemas pri la respondoj de prof. Witold Stępniewski kaj Volker Hank. WE petas pardonon pro duma nelivero de la materialoj al la nomitaj personoj, li unue devas retrovi iliajn adresojn, poste li plenumos la promeson.

**La temo 32 – taluso, talusi**. Claude Longue-Épée: „Vi pravas rekomendante uzi klaran esprimon *konstrui taluson*. Mi estonte atentu **ne diri** (laŭ PIV 2): *talusi la randojn de fosaĵo por esprimi „konstrui talusojn rande de fosaĵo“ – do metafore „provizi per talusoj fosaĵon.“*

**La temo 34 – karbominejaj nocioj**. Al Fabien van Mook la proponitaj terminoj ŝajnas logikaj, sed li konfesas nespertecon en tiu fako. Claude Longue-Épée: Mia kurso en Centra Lernejo kaj unumonata staĝo en la Karbominejo n-ro 10 en norda Francio ne sufiĉas por kompetente taksi la proponitajn terminojn. Tamen mi konsentas pri la difinoj. La substrekitaj vortoj taŭge, simple kaj logike tradukas la francajn esprimojn. Pierre Grollemund, kiu levis la temon, resume esprimis sin en aproba senco. Novaj estis la substrekitaj terminoj, pro nenies kontraŭstaro ni konsideru ilin interkonsentitaj, inkluzive de la difinoj: kargejo, minetaĝo, minfronto, ŝaktobuŝo, ŝaktoturo, ŝtrebaro.

**La temo 35 – Bildvortaro Duden – 271**. Detale esprimis sin nur B. Ĉupin ka F. van Mook, parte la legantoj C. Longue-Épée kaj K. Votoček.

La komplekson 271 ni fermu kiel eble plej rapide, eble en la venonta KF. Ni toleru ioman diverĝon de niaj opinioj. En tiu senco skribis ankaŭ Fabien: *...mi indikas la aŭtoro(j)n, kun kiu(j) mi konsentas, foje preterlasante ortografiajn kaj gramatikajn detalojn.* **WE**: En tiu senco mi mencias la troan aplikadon de la dividostreko en la versio de R. Eichholz (ekz.: kel-fenestro, ter-etaĝo, ŝtal-betona), kun tiu lavango da streko-dividado mi ne povas konsenti, sed reale la streko sencon de la kunmetita formo ne ŝanĝas. Pli gravas la speco de kompleksa formo de terminoj: a) **prepozitiva formo**, b) **adjektivepiteta formo**, c) **formo de kunmetaĵo** (= komplesaj formoj). Pri ili mi publikigis la ĉapitron 6.36.5 en la verko *Tereminologia kurso* (1986), p. 52-54. Sed ankaŭ tiusenca diverĝo de formoj estu de ni tolerata, kiam ni juĝas kaj juĝos la terminojn en EBV (Duden). Fragmenton el la referncita ĉapitro 6.36.5 mi enmetas sur p. 150, sub la titolo *Formoj de komplesa termino*. (La broŝuro *Terminologia kurso* estas mendebla en la Libroservo de UEA.) La prijuĝon de „271" mi dividas al la sekcioj **A** ĝis **E**. La sekcioj **C** kaj **E** vin taskas per aldona prijuĝo:

**A. La <u>nenumeritaj nomoj</u> de unuopaj sekcioj**:

a) ***Rohbau*** ne estas agado (konstruado), ankaŭ ne nur «murpreta» domo, sed tegmentita strukturo sen kompletigaj produktoj (pritrakto de surfacoj, plankoj, fenestroj kaj pordoj, sen ĉiuj instlaĵoj kaj epkipaĵoj). La germana termino tradukita al Esperanto: <u>kruda konstruaĵo</u> aŭ <u>kruda vorko</u>. Ni toleru ambaŭ.

b) ***Maurerwerkzeug*** – la plej konvena traduko estas <u>masonista ilaro</u>. La propono de *masoniloj* estas relative bona, sed (kompare), ĉu *kudriloj* prezentas la tutan ilaron de kudristino kaj tajloro?

c) ***Mauerverbände*** – Tri voĉdonintoj preferas kiel determinan vorton «mason», laŭ la germana fonto, nur unu preferas «brik» laŭ Eichholz kaj Horváth. La duan parton de la kunmetaĵo nomas du voĉdonintoj «aranĝo» kaj du «ligo». Ni do toleru du formojn: <u>masonaranĝoj</u> kaj <u>masonligoj</u>.

d) ***Baugrube*** – ni ĉiuj preferas: <u>konstrufosaĵo</u>, allasataj formoj: konstru-fosaĵo, konstrufoso.

e) ***Verputzarbeiten*** – tri diskutantoj preferas: <u>pucistaj laboroj</u>; unu proponas «stukado» (nepre erara, stukadon faras alia metiisto!), unu tolerus: «pucado», tiu principe ĝustas, sed devias de la germana fonto.

f) ***Leitergerüst*** – ĉiesvoĉe: <u>eskala skafaldo</u>.

**B.** Nun mi prezentas la **<u>interkonsentitajn terminojn</u>** (negrava diverĝo tolerata): 1 – keletaĝo, subtera etaĝo; 4 – ekstera kelŝtuparo; 5 – laveja fenestro; 6 – laveja pordo; 7 – teretaĝo, unua supertera etaĝo. – La leganto VO skribis al mi: 271/7 estas teretaĝo aŭ nula etaĝo. Post la unua subtera etaĝo ne povas esti rekte la unua supertera. Mankas la nula! **WE**: Grava miskompreno, nula etaĝo ja estas neniu etaĝo! Kalkulante kion ajn, ni kalkulas ĉiam ekde la numeralo unu: la, 2a, 3a ktp. Rezone: Ĉu teretaĝo ne estas etaĝo? Kompreneble estas, ĝi do devas esti la unua. 8 – brika muro, brikmuro; 9 – fenestra lintelo; 13 – ŝtalbetona lintelo; 14 – supra etaĝo, sur la bildo: dua supertera etaĝo; 15 – muro el kavaj masonblokoj, kavbloka muro; 16 – masiva tekto; 18 – masonisto; 19 – helplaboristo (= traduko de la germana fonto); 20 – mortertrogo, morterujo; 21 – kamentubo; 23 – skafalda fosto, skafaldofosto; 24 – gardorelo; 30 – nodo de skafaldo, skafaldonodo; 31 – konstrueja lifto; 32 – maŝinisto; 33 – betonmiksilo; 34 – mikstamburo; 36 – volumenaĵo; 37 – ĉarumo; 38 – akvohoso; 39 – mortermiksujo, mortermiksa trogo; 40 – stako de masonblokoj; 41 – stakigita ŝelaĵ-ligno; 42 – eskalo; 43 – sako da cemento; **rim**.: necese ekskludi «cementosako», ĉar ĝi esprimas nur la karakteron de sako – „sako por cemento"; 44 – konstrueja barilo; 45 – reklamtabulo; 46 – demetebla pordego; 48 – konstrueja budo/barako (depende de amplekso kaj celo); 49 – konstrueja necesejo; 50 – lodo; 51 – masonista krajono; 52 – trulo; 53 – masonista martelo; 54 – martel[eg]o; 55 – bobelnivelilo; 56 – glatigilo; 57 – [puc]-frotilo; 58 – norma briko; 67 – unua tavolo; 68 – dua tavolo; 70 – ŝnurkruco; 71 – lodo; 72 – [fos]deklivo;
75 – fundamenta tranĉeo; 7 – foslaboristo; 77 – transportbendo; 78 – elfosita tero; 80 – arboŝirmilo; 83 – pucisto; 84 – mortertrogo, morterujo; 86 – [vertikala] eskalo; 87 – [skafalda] planko, skafaldoplanko; 89 – gardorelo; 91 – pulia levilo.

**C. <u>Terminoj</u>**, kiujn mi komentas kaj prezentas **<u>por nova voĉdono</u>** flanke de KF-anoj: **2** – FvM ne sukcesis elekti, la ceteraj elektis <u>betona soklo</u> laŭ la germana fonto kaj la bildo. La formo grundmuro laŭ EI kaj HO neĝuste rilatigas la muron al grundo (subterena parto). **3** – FvM elektis «luko», sed la germana fonto kaj la bildo prezentas «fenestron». Mi rekomendas voĉdoni por <u>kelfenestro</u>. **10** kaj **11** – Mi atentigas, ke embrazuro ne estas rando, sed vertikala faco en aperturo de fenestro (pordo), ambaŭflanke de la fenestra (porda) krado, kutime traktita per puco. PIV priskribas ĝin laike kaj konfuze kiel „kavaĵo farita en la diko de muro interne de fenestra aŭ porda aperturo". Mi postulas, ke vi estu profesie raciaj kaj voĉdonu ne por nekomprenebla „rando", sed por <u>interna</u> kaj <u>ekstera</u> <u>embrazuro</u>. **12** – Tiu detalo montras eksteran flankon de parapeto, kiu estas kovrita per iu tabulo, eble betona, ceramika, ŝtona, kiu devas esti ekipita per gutrando por defluigi pluvakvon. Plej ofte la detalo estas ekipita per lada listelo fiksita al fenestro kaj ekstere ekipita per gutrando (mian „breton" mi reprenas, ĉar breton mi komprenas kiel lignan segitan tabulon, tiu povas esti

interne de fenestro). En PIV (1970) sub «sojlo 2» estas: *sojlo de fenestro*. Ni do interkonsentu pri tiu traduko de la germana fonto: sojlo de fenestro (sen materiala specigo). *Fenestra breto* troviĝas interne! **17** – ĈU voĉdonis por «laborpodio», sed mi rezonas, ke konstruistoj ne uzas „podiojn", sed skafaldojn, ankaŭ la germana nomo de tiu objekto estas *Gerüst* (skafaldo). Ĝi estas nur kun unu altigita planko, kiu estas kuŝigita sur stablo (PIV 2), novtempe la stablo estas nomata ankaŭ boko kaj tresto (Eichholz). Bonvolu elekti el ili kaj voĉdoni por stabla aŭ boka aŭ tresta skafaldo. **22** – La vertikala komunika spaco estas ŝtuparejo, ŝtuparspaco (ŝtuparŝakto iel-tiel konvenas ankaŭ), sed tegmentita ĝi ne estas per kovrilo (tiucela produkto), sed per provizora konstrueja kovraĵo el nespecigitaj tabuloj. Kovraĵo de ŝtuparejo/de ŝtuparŝakto. **25** – *Windstrebe* – ventoŝtrebo. Ne temas pri kiu ajn kontaŭapogilo, nek ajna stabiliga ŝtrebo, sed pri kontraŭventa stabiliga elemento, kiu preskaŭ ĉiam estas kruca (ne estas do necese la krucon esprimi; Andreokruco). **26** kaj **27** – Statika karaktero de la stangaj elementoj varias laŭ konkretaj sistemoj. La bildo montras, ke la elementoj de skafaldo estas ŝtalaj tuboj, ke la plankon portas la transversaj *traversoj*. Pri la nomproblemo *traverso* kaj *longverso* legu kiel novan temon 38 sur la paĝoj 157-158. **28** – *Bohlenbelag* estas dila planko, nur la bildo montras ties apartenon al skafaldo. **29** – *Sockelschutzbrett* ne estas gardrelo (ĝi povus esti komprenata kiel manelo) kaj ne estas lato. Ĝi estas breto (neprecize: tabulo), kiu baras kontraŭ falo de materialo kaj ilaro de sur la planko, la signifo estas: ion sekurigi. Mia opinio daŭras: planka sekurbreto, planka sekuriga breto. **35** – „Ŝarĝkesto" estas nepreciza, ĉar oni ne ŝarĝas la keston, sed la kesto ŝarĝas miksilon. „Nutra" nocie/semantike ne konvenas. El la proponoj konvenas ŝutkesto, ĉar ĝia funkcio estas ŝuti sian enhavon en betonmiksilon. **47** – *Firmenschilder* = firmoŝildo; firm**a**oŝildo estus superflua ofero al homonimofobiuloj, la vorto «firmo» ja estas ankaŭ komerca entrepreno. «Informŝildo de la konstruisto» estas ambigua priskriba (tro longa) nomo. **59** – Laŭlonga masonligo/masonaranĝo. **60** – Laŭlarĝa masonligo/masonaranĝo. **61** – Ambaŭ versioj estas gramatike ĝustaj: ŝtupa murfino (fino de muro; PIV 3: lasta parto de objekto), ŝtupa murfiniĝo (finiĝo de muro; PIV 1: alveno al la fino). **62** – Alterna masonligo/masonaranĝo. **63** – *Läuferschicht* signifas, ke la brikoj kuŝas per sia longo en la direkto de masonaĵo (muro), la tavolo estas longbrika (longa brik(o)a). **64** – *Binderschicht* signifas, ke la brikoj „bindas" la masonaĵon, la brikoj estas en pozicio „kver" (transversa-brik(o)a): kverbrika tavolo. **65** – Kruca masonligo/ma-sonaranĝo. **66** – Kamentuba masonligo/masonaranĝo. **69** – Angle *bench* = benko; stablo. Mian proponon «ŝnurstablo» mi vidas plej konvena. **73** kaj **74** – Ambaŭkaze la nomata objekto estas «dilo», kiu kuŝas kaj borderas (limas) unue supre de la foso kaj due malsupre de la foso (kie en la ebeno de fundo ĝi limas la fundamentan tranĉeon). *Saum* signifas rando, bordero – bordera dilo. **79** – *Bohlenweg* – en la traduko «dilvojo», do ne tabulvojo, nek ligno-tegita vojo. Pro plia rekoneblo de la nomo mi uzis epitetan formon: dila vojo. **81** – *Löffelbagger* ne estas kiu ajn fosmaŝino (ekzistas ja pluraj tipoj), sed fosmaŝino kun ŝovelilo por cikla laboro, internacie konata sub la nomo *excavator*. R. Eichholz unue nomis ĝin laŭ sia gepatra lingvo «bagro», poste li ĝin (laike) tradukis al *elkavigadoro* (en tiu tempo li ŝatis uzadï la pseŭdosufikson -*ador* anstataŭ -*ator*). Sed lingvo internacia devas maksimume respekti la internacian leksikon. Mi modifis «ekskavatoron» al kavatoro pro la objektiva fakto, ke la maŝino fosas ne nur „el kavo", sed ankaŭ „el la propra pozicio", sur kiu ĝi staras, nome per simpla ŝovelilo (ne subfosa). Tiu procedas for de la kavatoro kaj supren. **82** – *Tieflöffel* ne estas ajna fosilo (ŝovela, kontinua noria, grejfa), sed cikla ŝovelilo, kiu fosas en kavo direkte al kavatoro (ne for de kavatoro), la kavatoro kvazaŭ subfosas sin per *subfosa ŝovelilo*, aŭ eble *subŝivelilo*. **85** – Ne temas pri simpla kribrilo, sed pri kribrilo karakterizita per la germana *Wurf* = ĵeti; ŝovelata sablo tiel apartiĝas disde nedezirataj grandaj grajnoj. Traĵeta kribrilo aŭ ĵetkribrilo. **88** – Vidu n-ron 25 ventoŝtrebo. **90** – La traduko de *Schutzwand* estas ŝirma vando. Tasko de la vando estas protekti la ĉirkaŭaĵon kontraŭ polvo kaj falantaj pecoj, la metiistojn sur la skafaldo kontraŭ vento kaj flanka pluvo. Krado (EI) ne povus ion ŝirmi. Kurteno ne apartenas al tiu labormedio. Vando povas esti ankaŭ teksaĵo aŭ maldika plasta folio. La difino de «vando» en PIV estas senkonsila laikaĵo (= septo; la dua ekvivalento ne apartenas al konstrufako). En konstrufako vando ne estas septo!

**D.** Respondo al la **rezono de J. Horváth** el 2010-07-15:

***Rohbau***: Laŭ PIV «vorko» rilatas al publikaj konstruaĵoj (aŭtovojo, ponto, tunelo). Mi do preferas kruda konstruaĵo. **WE**: Apud pure inĝenieraj vorkoj estas domkonstruaĵoj ankaŭ produktoj de inĝeniera (plus arĥitektura) karaktero, ne ekzistas racia kialo ekskludi ilin. PIV ne estas normo, nek dogmo, krome en fakaj aferoj riĉa je misaj informoj. Ĝustaj estas ambaŭ: Kruda konstruaĵo, kruda vorko.

**3** – *Kellerfenster*. Mi proponis luko (subnocio de fenestro), ĉar ĝi servas por enlasi lumon, tra fenestro oni ankaŭ elrigardas, enrigardas ktp. **WE**: Luko nepre ne estas subnocio de fenestro, ties subnocioj (hiponimoj) estas specoj de la genra nomo «fenestro». Pri la signifoj de «luko» legu en PIV, sed la mencion pri kelo kaj mansarda luko preterlasu pro mistifika laikeco.

**14** – *Obergeschoss*. Ĥaosa estas la ĝenerala nacilingva uzanco, tiun sekvas ankaŭ la aŭtoroj de PIV. En *Konstru-Forumo* ni interkonsentis klaran sistemon de etaĝo-specigo.

**16** – *Massivdecke*. J. Horváth: Masiva tekto – terminologie nenia objĵeto, sed por nefakula publiko ĝi estas nekomprenebla neologismo. **WE**: Via starpunkto konservas historian eraron kaj deziras plu teni ĝin. Laŭ mia ideo estas necese Esperanton ŝovadi (el vindoj) al la pozicio de internacia planlingvo. Ne kaŝi malĝustaĵojn.

**17** – *Bockgerüst*. Nek boko, nek tresto estas PIVe akceptitaj kaj ĝenerale uzataj. Stablo laŭ PIV havas la semantikan kampon tro ŝarĝita… **WE**: La aludon al PIV mi komprenas en la senco, ke PIVon ni ĉiam konsultu, sed ne ĉiam ni kredu ĝin fidinda. Pri la elekteblo el inter la tri ebloj KF-anoj voĉdonu.

**26** – *Streichstange*. Ĉu «longŝpalo» ne taŭgas? **WE**: Ne, la objekto ne estas ŝpalo.

**27** – *Gerüsthebel*. Ĉu «traŝpalo» aŭ «kverŝpalo» ne taŭgas? **WE**: Ne, la objekto ne estas ŝpalo.

**81** – *Löffelbagger*, *-ator* (laŭ PIV maŝino) estas tre konfuziga, sistemdetrua. Ĝi ebligas (mis)analizi de si mem neanalizeblajn vortojn (*diktatoro*, *kuratoro*, *inkubatoro*) aŭ donas vortojn, kiuj ne estas maŝinoj (*akumulatoro*, *radiatoro*, *resonatoro*), kiuj anstataŭeblas per *-il* aŭ *-maŝino* (*obturilo*, *akumulilo*, *fosmaŝino*), ilia uzo malgraŭ la Bildvortaro ne disvastiĝis, ja *-il* aŭ *-maŝino* donas pli unusencan difinon. **WE**: a) ne estas necese, ke vi la vortojn kiel *kavatoro*, *diktatoro*, *radiatoro* ktp. analizu, vi povas ilin taksi kiel radikvortojn, multaj esperantistoj tiel kondutas. b) Se iu esperantologo science sistemigos la internacian sufiksoidon *-ator*, estas atendeblaj pliaj signifoj, ne nur la de vi menciita „maŝino". Pri „konfuzigo kaj sistemdetruo" vi eraras, male la via «fosmaŝino» eskapis el la sistemo. Mian rimarkigon pri «kavatoro» vidu supre.

**82** – *Tieflöffel*. Tiu ĉi speco de ŝovelilo (fosilo) „fosas sube de" la nivelo, sur kiu staras la kavatoro (sube fosas – subfosas – subfosa ŝovelilo, aŭ simple subŝovelilo). Vidu ankaŭ la sekcion **C**.

**90** – *Schutzwand*. Vando kiu ŝirmas iun. Krado en tiu pozicio ne protektus (estas truhava). Kurteno precipe ion kaŝas antaŭ ies vido (antaŭ fenestroj, en teatro), ankaŭ estas dekora. Kurteno sur skafaldo impresas neadekvate. Cetere, vando de tendo estas nura teksaĵo kaj tamen en PIV nomata vando.

En la posta mesaĝo J. Horváth anoncis, ke li akceptas pliparton de la eksplikoj flanke de KF.




**E.** La unuopajn **<u>specojn de segita ligno</u>**, pri kiu mi skribis en la pasinta numero, paĝoj 145-146, estas necese prijuĝi aparte, ĉar **Fabien van Mook** informis min, ke li ne konsentas: Pri breto/dilo/lato/ktp. Unuavide mi ne akceptas vian kroman difinon por breto, nek tiujn por la aliaj seglignaĵoj. Sed mi konsentas kun vi pri «tabulo» mem. Al mi ŝajnas la distingo iom arbitra kaj oni devus pristudi pli profunde, kiujn distingojn oni faras internacie. Mi mem ne spertas pri la temo. Atentigo pri la terminaro de Moberg. – **WE**: La aferon mi pristudis profunde, sed mi konsentas, ke ankaŭ ĉiuj KF-anoj pristudu la aferon, la temo ja estas relative facila. En PIV estas: *breto*, *dilo*, *lato*, *relo*, *stango*, *ŝpalo* (tiun ni jam detale traktis), *tabulo*; estas necese ilin kompari kun nacilingvaj normaj klasifikoj kaj harmoniigi tiel, ke ili elformu kontinuan vicon de seglignaj produktoj. La version de Moberg mi studis, sed mi vidas ĝin nesekvebla (vidu la skenaĵon apude). En PIV estas la difinoj tute svagaj, estas necese okupiĝi pri la temo aparte. Provizore mi petas KF-anojn nur pri ĝenerala pritakso. – Admono: la plursignifecon de «tabulo» bonvolu iel limigi.

En la apuda grafika supervido (laŭ Moberg) mi apenaŭ povas konsenti kun la specigo kaj nomoj de rondlignoj (*sparo*, *slano*), en la segitaj lignoj kun *ĉevro*, apartigo de *dilo* disde *hafto*, *tabulon* mi vidas tro multsignifa. Venontfoje mi la temon enkondukos en la rubriko „Ni solvas termin-vakaĵojn".

**<u>Nova temo 36 – Fluato</u>**. La hungara kolego Horváth József demandis (2010-09-04): „Mi volus scii vian opinion aŭ proponon pri termino uzata ĉe repucado (WE: ĉe kvalitiga flego de puco aŭ betona surfaco) Temas pri la germana *Fluatiermittel*. Fluat estas salo de la fluorsilikata acido (H2SiF4) kaj estas uzata por redukti tro altan acidecon, malhelpi sapiĝon kaj efloreskadon de puco. Se mi bone memoras, oni uzas similan ingredienton fungicidan ĉe betonlaboroj…" **WE** respondis (2010-09-05): …la ĉefa komponanto de „fluat"

estas heksafluorosiliciato (~silikato). Esperantan ekvivalenton de la nomo mi neniam aŭdis/legis. Sciante la germanajn *Fluat*, *fluatieren*, la anglan *fluatation*, la rusan *fljuatirovanie*, la ĉeĥajn *fluát*, *fluátovat* (verbo), estas al mi klare, ke en Esperanto povas esti sole: **fluato**, **fluati** (mi ne uzus fluatizi, fluatumi)… Fluati signifas pucon aŭ betonan surfacon pritrakti per fluata likvo ŝmirmaniere aŭ ŝprucmaniere. – Mi petas ĉiujn KF-anojn pri ilia opinio.

**Nova temo 37 – Bildvortaro Duden – 272 – konstruejo II** (laŭ la iniciato de J. Horváth).
Pri la temo validas ĉio, kion mi publicis en KF 23 konekse al la temo 35 – konstruejo I. Bonvolu pristudi la temon 37, plene aŭ parte, laŭ via kompetenteco, kaj informu min antaŭ fino de oktobro 2010 pri viaj preferoj kaj rifuzoj, event. pri viaj propraj proponoj rilate al unuopaj objektoj (numeroj) en la bildaro.




| | Originalo DUDEN | Rüdiger Eichholz | József Horváth | Jan Werner | ĉeĥa ekvivalento |
|---|---|---|---|---|---|
| | r Stahlbetonbau | konstruado per armita (fer-, ŝtal-) betono | ŝtalbetona konstruado | ŝtalbetona konstrukto | železobetonová konstrukce |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | s Stahlbetonskelett | ŝtalbeton-skeleto | ŝtalbetona skeleto | ŝtalbetona skeleto | železobetonový skelet |
| 2 | r Stahlbetonrahmen | ŝtalbeton-framo | ŝtalbetona framo | ŝtalbetona framo | železobetonový rám |
| 3 | r Randbalken | rand-trabo | randtrabo | randa balko | krajní trám (ztužidlo) |
| 4 | e Betonpfette | betona patno | betona patno | betona patno | betonová vaznice |
| 5 | r Unterzug | sub‹plafona› trabo | solivo, plafontrabo | ĉeftrabo | průvlak |
| 6 | e Voute | vuto | traboŝultro | vuto | náběh |
| 7 | e Schüttbetonwand | ŝut-betona muro | ŝutbetona muro | monolitbetona vando | stěna z monolitického betonu |
| 8 | e Stahlbetondecke | ŝtal-betona slabego | ŝtalbetona planko | ŝtalbetona tekto | železobetonový strop |
| 9 | r Betonarbeiter | glatiganta betonisto | betonisto glatiganta | betonisto | betonář |
| 10 | s Anschlusseisen | interlig-feroj | kroĉvergo | kuplovergo | připojovací prut |
| 11 | e Stützenschalung | kolon-ŝelaĵo | fostoŝelaĵo | ŝelaĵo de kolono | bednění sloupu |
| 12 | e Unterzugschalung | trab-ŝelaĵo | randtraba ŝelaĵo | ŝelaĵo de ĉeftrabo | bednění průvaku |
| 13 | e Schalungssprieße | ŝelaĵ-fosto | subapogilo de ŝelaĵo | fosto de ŝelaĵo | podpěra bednění |
| 14 | e Verschwertung | ŝtrebo (kontraŭ-apogilo) | ŝtrebo por subapogilo | [vento]ŝtrebo | vzpěra |
| 15 | r Keil | kojno | kojno | kojno | klín |
| 16 | e Diele | dilo | subtena dilo | dilo | fošna |
| 17 | e Spundwand | ŝtal-palisa vando | palisvando | ŝtalpalisa vando | ocel. štětová stěna |
| 18 | s Schalholz (e Schalbretter) | ŝelaĵ-tabuloj | ŝelaĵlignaĵo (ŝelaĵ-tabuloj) | ŝelaĵ-ligno, (ŝeltabuloj; ŝelbretoj) | prkna pro bednění |
| 19 | e Kreissäge | disko-segilo | diskosegilo | diskosegilo | kotoučová pila |
| 20 | r Biegetisch | kurbiga stablo | ferkurbiga stablo | fleksostablo | ohýbací stůl výztuže |
| 21 | r Eisenbieger | fer- (ŝtal-)kurbigisto | ferkurbigisto | ŝtalfleksisto | železář |
| 22 | e Handeisenschere | fer-ĉizojo | ferĉizojo | ĉizojo de armaturo | nůžky výztuže |
| 23 | s Bewehrungseisen | beton-fero | betonfero | armatura vergo | prut výztuže |
| 24 | r Bimshohlblock-stein | kava pumik-betona ŝtono | pumika kavobriko | kava pumika masonbloko | pemzová tvárnice |
| 25 | e Trennwand; e Bretterwand | apartiga vando [tabul-vando] | fakvando (tabulvando) | apartiga vando; breta vando | dělicí stěna; prkenná stěna |
| 26 | e Zuschlagstoffe (r Kies und r Sand verschiedener Korngröße) | volumenizaj materialoj [gruzo kaj divers-kalibra sablo] | volumenizaj aŭ aldonaj materialoj (ŝtonoj kaj sablo diverskalibraj) | volumenaĵo (divers-frakciaj gruzo kaj sablo, ŝtonaro) | plnivo (kamenivo: štěrk a písek různé zrnitosti) |
| 27 | f Schmalspurbahn | ŝut-vagoneta trako | ŝutvagoneta trako | etŝpura trako | úzkorozchodná drážka |
| 28 | e Kipplore | ŝut-vagoneto | ŝutvagoneto | baskula vagoneto | výklopný vozík |
| 29 | e Betonmisch-maschine | miks-maŝino por cemento | betonmiksilo | betonmiksilo | míchačka na beton |
| 30 | r Zementsilo | cement-silo | cementsilo | cement-silo | silo na cement |
| 31 | r Turmdrehkran | tur-gruo [veturigebla kaj turnebla] | turkrano | masta gruo | věžový jeřáb |
| 32 | s Fahrgestell | ĉasio | ĉasio | ĉasio | podvozek |
| 33 | s Gegengewicht (r Ballast) | kontraŭpezaĵo | kontraŭpezo | kontraŭpez[aĵ]o | protižávaží |
| 34 | r Turm | turo | gruturo | masto (de gruo) | věž |
| 35 | s Kranführerhaus | gruistejo | gruistejo, gruista kajuto | kabino de gruo | kabina jeřábu |
| 36 | r Ausleger | gruo-brako | grubrako | brako | výložník |
| 37 | s Tragseil | ŝtal-kablo | ŝtalkablo | porta kablo | nosné lano |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 38 | r Betonkübel | verŝujo kun cement-miksaĵo | betonverŝujo | betonujo | betonářský koš |
| 39 | r Schwellenrost | ŝpalo | ŝpalaro | ŝpaloj de trako | pražcový rošt |
| 40 | r Bremsschuh | haltiga ŝuo | haltiga kojno | haltiga ŝuo | zarážka |
| 41 | e Pritsche | klin-ebenaĵo (ramplo) | ramplo, veturdeklivo | ramplo | rampa |
| 42 | e Schubkarre | ĉarumo | ĉarumo | ĉarumo | kolečko |
| 43 | s Schutzgeländer | gard-relo | gardrelo | gardrelo | ochranné zábradlí |
| 44 | e Baubude | konstru-budo | konstrueja budo | konstrueja budo | stavební bouda |
| 45 | e Kantine | kantino | kantino | kantino | jídelna |
| 46 | s Stahlrohrgerüst | ŝtal-tuba skafaldo | ŝtaltuba skafaldo | ŝtaltuba skafaldo | trubkové lešení |
| 47 | r Ständer | skafaldo-fosto | tuba skafaldofosto | fosto | štenýř |
| 48 | r Längsriegel | horizontala skafaldo-tubo | horizontala skafaldotubo | longverso, longerono | podélník |
| 49 | r Querriegel | skafaldo-ŝpalo | skafaldoŝpalo | traverso | příčník |
| 50 | e Fußplatte | bazo-plato | plandotabulo | piedplato | patní plech |
| 51 | e Verstrebung | ŝtrebo | ŝtrebotubo | ventoŝtrebo | zavětrování |
| 52 | r Belag | skafalda planko < tabul-platformo | skafaldoplanko | planko | podlaha |
| 53 | e Kupplung | kunligo | tubkateno | kuplilo | spojka |
| 54- | **e Betonschalung und e Bewehrung** | **beton-ŝelaĵo kaj armaturo** | **betonŝelaĵo kaj armaturo** | ŝelaĵo kaj armaturo de betono | bednění a výztuž betonu |
| 54 | r Schalboden (e Schalung) | ŝelaĵa planko | plankoŝelaĵo | ŝelaĵo de slabo | bednění desky |
| 55 | e Scheitenschalung | flank-ŝelaĵo de rand-trabo | flankoŝelaĵo de randtrabo | flankoŝelaĵo | boční bednění |
| 56 | r eingeschnittene Boden | ŝelaĵ-fundo por muldota rand-trabo | fundoŝelaĵo de trabo | suba ŝelaĵo de ĉeftrabo | bednění podhledu průvlaku |
| 57 | e Traverse (r Tragbalken) | ŝelaĵ-solivo | ŝelaĵsolivo | slaba ŝelaĵ-balko | nosník bednění desky |
| 58 | e Bauklammer | fiks-krampo | krampo | krampo | skoba |
| 59 | r Sprieß, e Kopfstütze | ŝelaĵ-fosto | ŝelaĵfosto | ŝelaĵfosto | podpěra bednění |
| 60 | e Heftlasche | kunig-peco | fiksolato | fiksplato | příložka |
| 61 | r Querträger | fosto-kapa brak-trabo | braktrabo | subtena kvertrabo | příčný nosník [bednění průvlaku] |
| 62 | f Knagge | ten-peco | kusenlato | blokpeco | zarážka, opěrka |
| 63 | m Kopfbug | brak-traba ŝtrebo | ŝtreblato | ventostego | pásek |
| 64 | f Langschwele (?) | flank-ŝelaĵa ten-trabo | firmiga trabo | longŝpalo de ŝelflanko | ližina bočnice bednění průvlaku |
| 65 | e Lasche | lig-tabulo | kunfiksa lato | kverlato | svlak bočnice |
| 66 | m Rödeldrath | armatura drat-ligaĵo | streĉdrato | streĉdrato | rádlovací drát |
| 67 | e Stelze (e Spange, e Mauerstärke) | spac-tena lato | stego | disapogilo | rozpěra |
| 68 | e Bewehrung (e Armierung) | ‹ĉef›armaturo (ĉeffero) | armaturo | armaturo | výztuž |
| 69 | r Verteilungsstahl | disdivida fero [dis-dividas la fortojn inter la ĉefferoj] | interspaciga fero | distribua vergo | rozdělovací prut |
| 70 | r Bügel | lig-ringo | jugeto | jugeto | třmínek |
| 71 | s Anschlusseisen | interlig-fero | kroĉvergo | kuplovergo | připojovací prut |
| 72 | r Beton (r Normalbeton) | cement-miksaĵo [se firma: betono] | peza betono | beton[miksaĵo] | beton[ová směs] |
| 73 | e Stützenschalung | kolon-ŝelaĵo | fostoŝelaĵo | ŝelaĵo de kolono | bednění sloupu |
| 74 | s geschraubte Rahmenholz | ŝraŭbita kravato [ŝraŭb-ligita | ŝraŭbita framstango | ŝraŭbita fram-ligno | šroubový dřevěný rám |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | kolonŝelaĵa ten-trabo] | | | |
| 75 | e Schraube | ŝraŭbo kun alet-ŝraŭbingo | ŝraŭbo | bolto | svorník, (šroub) |
| 76 | s Schalbrett | ŝelaĵ-tabulo | ŝelaĵtabulo | ŝelaĵa breto | prkno bednění |
| 77- | **s Werkzeug** | **ilaro** | **laboriloj** | **ilaro** | **nářadí** |
| 77 | s Biegeeisen | fer-kurbigilo | ferkurbigilo | vergofleksilo | ruční ohýbačka výztuže |
| 78 | r verstellbare Schalungsträger | alĝustigebla ŝelaĵportilo | alĝustigebla ŝelaĵportilo | alĝustigebla ŝelaĵ-balko | stavitelný nosník bednění |
| 79 | e Stellschraube | alĝustiga ŝraŭbo | alĝustiga ŝraŭbo | alĝustiga ŝraŭbo | stavěcí šroub |
| 80 | m Rundstahl | rond-ŝtalo | rondŝtalo | rondŝtalo | kruhová ocel |
| 81 | m Abstandhalter | distanc-tenilo | distancilo | distancilo | distanční podložka |
| 82- | r Torstahl | torŝtalo | tordoŝtalo | ripa ŝtalo | žebírková ocel |
| 83- | r Betonstampfer | miksaĵ-ramo [kompaktigas la formiĝantan betonon] | betonramo | manramo de betono | dusadlo |
| 84 | e Probewürfelform | provkub-muldilo | muldilo de kuba provaĵo | provkuba formo | forma na zkušební krychle |
| 85 | e Monierzange | armatur-tenajlo | armaturtenajlo | armista tenajlo | kleště na ohýbání výztuže |
| 86 | e Schalungsstütze | alĝustigebla ŝelaĵfosto | alĝustigebla ŝelaĵfosto | ŝelaĵfosto | podpěra bednění |
| 87 | e Bewehrungschere | ‹artika› fer-ĉizojo | ferĉizojo | armatura ĉizojo | nůžky na výztuž |
| 88 | e Betoninnenrüttler | vibrigadoro por cement-miksaĵo | interna vibratoro | merga vibratoro | ponorný vibrátor |
| 89 | e Rüttelflasche | vibrigilo | ekscitilo | [merga] vibrokapo | hlavice ponorného vibrátoru |

**<u>Nova temo 38 – traverso, longverso, (longerono)</u>**. La temo estas ĉerpita el la temo 35 (271/26, 27), ĉar ĝi meritas apartan zorgon. Mi prezentas mian imagon, kiun vi pripensu kaj oponu:

La latina verbo *versō*, *versare* estas eksplikebla per vico da verboj havantaj komunan sencon pri mov[iĝ]o en la direkto al… (en kiu ajn direkto). En Esperanto ĝi aperas en la formoj:
**averso** (aversi – turni ion direkte al vido).
**reverso** (reversi – turni ion dorsflanke al…).
**inversa** (invers[ig]i – meti ion en inversan pozicion aŭ direkton).
**inversio** (inversii – iri inverse al la normala 1. ordo de frazelementoj, 2. temperaturo).
**renversi** (vidu 3 signifojn en PIV).
**verso** (linio de poemo; versi – verki versojn) – linia produkto.
**versio** (prezento de…, stato de…, turno de…laŭ PIV).
**roverso** (refalditaj brustopartoj de jako, mantelo).
**traverso** – menciita en *Nepivaj vortoj* (A. Scherpillod, 1988, 1991), trovebla en:

- Bg: Esperanta-bulgara vortaro, I. Sarafov, 1963,
- BS: Esperanta-germana vortaro, Butin-Sommer,
- CV: Enciklopedia vortaro, Charles Vérax, 1910: Traverso (Fortikarto kaj -scienco) *traverse*,
- HL: Esperanta-korea vortaro, Hajpin Li, 1983,
- Pl: Esperanta-pola vortaro, 1930,
- SK: Esperanta-serbokroata vortaro, M. Givoje, 1958,
- Sln: Esperanta-slovena vortaro, O. Avsec, 1957,
- Sv: Esperanta-sveda vortaro, P. Nylén, 1954.

La vorton *traverse* aŭ *traversa* oni trovas en la angla, franca, germana, itala, ĉeĥa kaj certe en pluraj aliaj lingvoj. Surbaze de mia serĉo kaj trovo mi al KF-anoj proponas akcepti la terminon *traverso* en la senco A (*verso* en la direkto «tra») kaj *longverso* en la senco B (*verso* en la direkto «long»):

A. **Traverso** – balka (traba, stanga, verga) elemento de konstrukto, konstanta (ponto) aŭ provizora (skafaldo), kies laŭlonga akso evoluas transverse al la konstrukto (de ponto, skafaldo). Ekzemple ĉe ponto ĝi estas transversa elemento de ponta ferdeko, kiu peras ŝarĝon de la ferdeko al la ĉeftraboj kaj tiel

plu al la pontaj abutmentoj kaj pilieroj. Ĉe klasika skafaldo stangaj (ofte tubaj) *traversoj* peras la ŝarĝon de planko al laŭlongaj elementoj (*longversoj*) kaj tiel plu al skafaldaj fostoj. Materialo de pontaj *traversoj* estas: laminitaj ŝtalaj profiltraboj, ŝtalbetonaj traboj; skafaldaj *traversoj* estas metalaj tuboj aŭ aliaj fermitaj profilstangoj, iam ankaŭ trusaj framoj, ĉe lignaj sistemoj rondligno aŭ segita ligno.

B. **Longverso** – traba elemento analogia al *traverso*, sed per sia akso orientita laŭlonge de la konstrukto (de ponto, skafaldo). Pontaj *longversoj* estas ĉeftraboj, ili peras ŝarĝon de ponta ferdeko al abutmentoj kaj pilieroj, skafaldaj *longversoj* peras la ŝarĝon de skafalda planko al skafaldaj fostoj. Materialo de *longversoj* estas la sama kiel ĉe la *traversoj*. – Anstataŭ la nomo «longverso» estas eble elekti parencan elementon, kiu formas la korpon de avioj – precipe de fuzelaĝoj: **longerono** (PIV: Ĉiu el la ĉefaj laŭlongaj membroj de fuzelaĝo, planeo aŭ nacelo).
Via opinio estas de mi atendata.

## Rezone al la referencitaj principoj de la akademiano Bavant

La tekston en la *Matematika vortaro* de Marc Bacant, kiun al mi rekomendis legi Fabien van Mook, mi komentos grade laŭ legitaj pensoj de Bavant. Ĉiun punkton mi komencos per lia aserto:

2. Prefero de „radikŝpara solvo": ne enkonduki novan radikon. **WE**: La elekta procedo celanta trovi nomon por nocio devas obei plurajn kriteriojn de terminologia laboro (laŭ ISO: Agado okupiĝanta pri sistema kolektado, dokumentado, prilaborado kaj prezentado de nocioj kaj de iliaj nomindikoj). Preferi unu kriterion estas alpaŝo neprofesia. Krome: evitadi radikvortojn kondukas al akceptado de kompleksaj terminoj, kiuj estas praktike malpli oportunaj. (Legu pri ili sur p. 150.)
3. Libera kreado de sciencaj derivaĵoj estas insida formo de naturalismo (pri la sufikso -*it*). **WE**: Libera alireblo al ĉiuj konsidereblaj formoj en la nomumado de nocioj estas rajto de ĉiu terminologo. Indiki ĝenerale la formon de naturalismo „insida" dokumentas neprofesiecon de la aŭtoro.
4. La sufikso -*ito* ne povas esti vera esperanta sukfikso, ĉar ĝi estas uzebla nur en klare limigitaj okazoj, fakte nur en tiuj okazoj, kiam la etimologia kaprico kreis vorton interpreteblan en Esperanto. **WE**: Ĉiu scianto de la linvo scias ankaŭ, ke ĉiu afikso, vera aŭ ne, estas „uzebla nur en klare limigitaj okazoj". La insisto de Bavant sence ie perdiĝas… Sciu, ke **veraj** sufiksoj, laŭ Kalocsay kaj Waringhien, estas sole: *aĉa*, *ega*, *eta*, *ĉj*, *nj*, la numeralsufiksoj *obl*, *on*, *op* kaj la neoficiala *ifi*.
5. Malveraj afiksoj… La kontrasto kun la veraj afiksoj estas blindige klara: ĉi-lastaj estas ĉiam uzeblaj, kiam la senco tion permesas, kaj neniam ili postulas, ke oni kreu balastan specialan radikon, speciale tajloritan por ilin gastigi… Oni diras ne *haŭtito*, sed *dermatito*, ne *sulfurato*, sed *sulfato*, ne *karbonido*, sed *karbido*… Oni elpensas radikojn kiel *dermat*, *sulf*, *nitr*, *gastr*, *glutam*, *hemat* k.s. **WE**: M. Bavant neglektas la 15-an regulon de la Zamenhofa „Plena gramatiko de Esperanto" pri vortoj fremdaj (internaciaj), kiuj devas aparteni al la bazo de lingvo internacia. Due M. Bavant ne scias, ke en ĉiuj lingvoj, inkluzive de Esperanto, okazas regula simpligo de radikoj, kiam la praktiko tion trovas utila. Ekzemple oni ne diras *tragikokomedio*, sed *tragikomedio*, ne *eŭroporegiono*, sed *eŭroregiono* ktp. Bonvolu rigardi PIV sub la kapvorto **sinkopo**. Ĝia 3-a signifo estas tiel ĉi difinita: Procedo, konsistanta el la forlaso de litero aŭ silabo, en la mezo de la vorto. Kiel ekzemplo sekvas la menciita *tragikomedio*. Sulfato, karbido estas do tute regulaj nomoj. Same la internaciaj dermatito, hematozo ktp. en medicino.
6. Se estas sciencaj radikoj, kio estas ilia radika karaktero? Kiel kombiniĝas la sencoj de ĉiu elemento en scienca kunmetaĵo aŭ derivaĵo? Al ĉiuj tiuj prudentaj demandoj respondas mistera silento. Mi senpacience atendas tiun, kiu klarigos al mi la sencon de scienca kunmetaĵo *hemoglobino* surbaze de ĝiaj konsistigaj partoj. **WE**: La ĉefelemento estas substantivo *globino* (heteroproteina komponanto de sangoruĝo) kaj la flankelemento estas sinkopita *hemato* – vidu PIV p. 433 (event. *hemo*, p. 432). La trivialan signifon liveras la klasika regulo pri vortfarado. Nenio mistera.
7. …temas pri „radikfarado", ne „vortfarado". *Dulineara* estas vera esperanta kunmetaĵo el tri esperantaj elementoj (*du*, *linear*, *a*). Male, ĝia sinonimo *bilineara* konsistas nur el du esperantaj elementoj (*bilinear*, *a*), kies unua estas radiko kunmetita el la scienca prefikso *bi* kaj la elemento *linear* (ĉu latina, ĉu esperanta). Miksi tiujn du nivelojn de vortfarado povas konduki nur al ĥaoso. **WE**: Bavant mem agnoskas, ke *bi* estas scienca prefikso (temas pri la latina *bi[s]* – dufoje, duopa), kiu estas internacia, do laŭ la 15-a gramatika regulo ankaŭ esperanta. Paroli pri du niveloj estas artifiko. Tamen dulineara kaj bilineara diferencas etimologie! Mi ne kontraŭstaras praktike konsideri *bilinear* kiel radikvorton (esperantistoj kutime ne estas bagatele pedantaj), sed observante *bilinear* ekzakte lingvistike, ĝi estas dumorfema. Laikeco de Bavant tuŝas ĝuste tiun problemon: la latindevena *bi* estas vortelemento, en lingvistiko ĝi estas morfemo kun propra semantika enhavo. *Bilinear* do estas du morfemoj, du vortelementoj, tial ne radiko, sed radikalo (stamo). Laŭ Bavant *bilinear* estas nur „esperanta elemento"

kaj tiel li distancigas Esperanton for de la internacia lingvoscienco. La esprimo „radikfarado“ apud „vortfarado“ estas nelogika kaj nedefendebla elpensaĵo. Ni konatiĝu kun la difino de morfemo:

> **morfemo** – la plej malgranda grupiĝo de fonemoj kiel fundamento de leksika signifo, vortokrea aŭ formokrea, event. portanto de funkcio; morfemoj estas radikoj kaj afiksoj, kiuj laŭ sia funkcio dividiĝas al prefiksoj, sufiksoj, infiksoj, interfiksoj, postfiksoj, cirkumfiksoj kaj konektemoj, formokreaj morfemoj estas finaĵoj. Konkreta realigo de morfemo estas morfo, la fako pri morfemoj nomiĝas morfemiko aŭ morfologio.

7. Iom pli perversa ekzemplo koncernas la sencon de „ortogramo“… La interpreto de „ortocentro“ povus esti nur „centro de orto“, sensenca, aŭ „rimarkoinda punkto de orto“… Se oni tamen invokas la sanktan „elastecon“ kaj akceptas, ke en la esprimo „ortocentro de triangulo“ la elemento *centr* rilatu pli al la triangulo ol al la ideo portata de *ort*, ni povas kompreni, ke temas pri rimarkinda punkto de la triangulo, iel difinita per *ort*. Sed *ort* signifas nek ortanton, nek alton, nek mezortanton… kaj eĉ la principo de sufiĉo ne sufiĉus por pravigi unu el tiuj eblaj elektoj kontraŭ la aliaj. **WE**: Probable Bavant pledas por la nomo „intersekcopunkto de la tri altoj de triangulo“, sed li tiel anstataŭigas nomon per difino. Li mise komprenas la terminon ortocentro, ĝi ne estas „centro de orto“, sed centro karakterizita de la nocio „orto“ (centro de ies orteco). Krome gravas konvencio, la terminon oni devas ellerni. Estas ja konate, ke termino ne povas en si porti ĉiujn karakterizaĵojn de la nocio, ofte sufiĉas unu grava trajto de la nocio, kiu modifas ĝian formon. H Suonuuti (Terminologia gvidilo, 1998) pri la afero skribis: *Termino prefere rflektu* ***ankaŭ*** *kelkajn karakterizaĵojn de la nocio, estu* ***mallonga*** *kaj permesu la formadon de* ***derivaĵoj***. La termino *ortocentro* tion plenumas, la plurvorta termino-difino de Bavant ne.
8. **WE**: Ne estas al mi konate, kial Fabien referencis al la traktaĵo de M. Bavant. Sed estas al mi klare, ke M. Bavant ne komprenas la fakon terminologio kaj tamen suverene kritikas la praktikon, kiu harmonias kun la principoj de vortfarado esperanta kaj ankaŭ kun la principaj reguloj de terminologio normigita de ISO. Krome li emocie kaj nedecе prinotas la konceptojn de aliaj aŭtoroj. Male de li, mi rekomendas toleri ambaŭ sintenojn al la aplikado de internaciaj vortelementoj: 1. Lingvistika koncepto en vortfarado respektu la internacie agnoskatan instruon pri morfemoj inkluzive de la fremdaj. 2. Aŭtonomia esperantista koncepto, pro praktika simpligo de la sinteno al vortfarado, toleru kompreni kaj trakti hibridajn kompleksajn vortelementojn (fremda morfemo + esperanta morfemo) kiel vortradikon.

## Postskribo al la 24-a KF-letero

Pardonu la eksterordinare vastan 24-an numeron de KF. La enhavo ampleksiĝis precipe pro la traktado pri la reviziata *Esperanta Bildvortaro* (Duden) kaj ankaŭ pro la envicigo de miaj polemikaj tekstoj, kies temoj estas vere gravaj kaj bezonas klarigi starpunktojn de la KF-anoj. Viaj reagoj estas bonvenaj.

**Taskoj por vi – respondotaj al mi antaŭ la fino de oktobro 2010:**

1. Legu kaj pripensu la lingvajn problemojn de Fabien en la tabelo sur p. 148.
2. Decidu laŭeble jem nun pri via partopreno en la prizorgo de la Jarlibro de TAKE 2011.
3. Ĉu vi helpos kontroli niafakajn terminojn en NPIV? Kiun literon?
4. Bonvolu legi kaj lingve/fake kontroli la verkon de J. Werner pri ladista metio (proks. 50 paĝoj A5). Elpetu ĝin rete aŭ surpapere.
5. Se vin ankoraŭ interesas la ŝvelinta temo pri „vadoza akvo“, legi pri ĝi sur la p. 148.150 kaj komuniku al mi vian vidpunkton.
6. La temon 35 Bildvortaro Duden – 271 rekonsideru la sekcion C, D (n-ron 17) kaj E kaj informu min pri viaj preferoj. Ĉe la rondlignaj kaj seglignaj elelemtoj esprimu vian opinion ankaŭ pri ties klasifiko.
7. Esprimu vin pri la nova temo 36 – Fluato.
8. Trastudu la novan temon 37 pri la Bildvortaro Duden – 272 kaj informu min pri viaj preferoj.
9. Esprimu vin pri via opinio koncerne la temon 38 – traverso, longverso.
10. Se vi trovas interesa la polemikan tekston „Bavant – Werner“ (p. 158-159), komentu ĝin.

Brno, 2010-09-17 Jan Werner

Mi utiligas la lastan paĝon de nia sepfolia dokumento KF 24 kaj prezentas al vi la Antaŭparolon de la lasta Jarkolekto de TAKE:

# Antaŭparolo

La prezentata Jarkolekto 2010 estas jam la sesa en la vico, kvin jarojn de post la unua, kiu aperis miaredakte en la jaro 2005. La zorgadon pri artikoloj kaj la redakton prizorgas la grupo Konstru-Forumo. En la ses eldonoj sume alternis 14 aŭtoroj el la landoj: Aŭstrio, Belorusio, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Germanio, Hungario, Kroatio, Nederlando, Rusio, Slovenio, verkis 42 artikolojn, kaj funkciis kvin redaktoroj (el CZ, FR, NL, RU, SI).

La temoj variis en ĉiu aparta eldono, ankaŭ tiu ĉi sesa jarkolekto teme varias. Enkondukas ĝin fejetono de Václav Cílek, kiu kvazaŭ superkovras la konstruan temon, interese aplikas niajn terminojn, helpe de kiuj li nostalgie konfesas, ke la novaj teĥnikaj atingaĵoj, kvankam utilaj, kaŭzas bedaŭrindan „malpliiĝadon de la mondo“ – la forgesadon.

Temoj nete domkonstruaj, proksimaj ankaŭ al laika leganto, ni diru popularsciencaj, en tiu ĉi eldono mankas. La aŭtoroj demonstras sian orientiĝon al temoj vere specialaj. Sed tiu fakto ne deturnu leganton.

La temo pri fazoŝanĝaj materialoj estas tute nova kaj surpriza, pri la afero ĝuste nun eksperimentata. La temo pri nukleenergiaj centraloj rilatas nian sekuron antaŭ radioaktiveco. Lagunaj akvopurigejoj malaltigas kostojn por la purigado de rubakvoj, la temo grava por ĉiu loĝanto. Konstrukta ŝtalo, sen ĝi ja ne povas ekzisti moderna konstruado. Tio estas la temoj interesaj por la koncernaj fakuloj, sed legindaj ankaŭ de scivolemaj laikoj.

La jarkolekto 2010 estas speciale atentinda pro ampleksa supervido, kion Konstru-Forumo solvis sur la kampo de terminologio, pri kiuj novaj nomoj ĝi interkonsentis. La novaĵoj sur 30 paĝoj titolitaj „Konstru-Forumo en la jaroj 2002-2010“ estas sekvindaj ankaŭ de esperantologoj kaj leksikografoj, sed ion utilan en ĝi trovos ĉiu, kiu almenaŭ modeste aplikas la fakan Esperanton ĉu en fakula rondo, ĉu en ordinara movada medio.

Miaj personaj deziroj de redaktoro kaj de Konstru-Foruma aganto estas du: En la venontaj jaroj estu pli aktivaj la membroj de TAKE, prezentiĝu novaj aŭtoroj de la sekvontaj Jarkolektoj de TAKE. La dua mia deziro estas, ke vian atenton kaptu ankaŭ la nete faklingvaj problemoj, ke vi ligu kontakton al *Konstru-Forumo* ĉu bezonante helpon en iu afero terminologia, ĉu aliĝante al aktiva kunlaboro. Jen la kontakta adreso: ...@....

Brno, aŭgusto 2010 Jan Werner (redaktoro)